17-a jaro. N-ro 2 (186) Aprilo-Junio 1931




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**

ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :

**H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO**

**Jara kotizo kun abono : Fr. 30,- — Eksterlando : Belgoj 6,-**

ANTVERPENO

1931

ENHAVO : 

17a JARO N-ro 2 (186) APRILO-JUNIO 1931.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro :
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono : 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES
H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas.*
*La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

## THEOPHILE CART MORTIS

Ĉe sia labortablo mortis la 21an de Majo, Profesoro Cart, prezidanto de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio. La funebra sciigo trafis nin, en la komenco de la ĉefa kunveno de nia nacia kongreso ; ĝi ĵetis konsternigan ombron super niaj festoj.

La kara mortinto naskiĝis la 31an de Marto 1855. Li estis profesoro de vivantaj lingvoj kaj de franca beletristiko. Varbita al Esperanto en 1900, li tuj fariĝis por nia movado varma propagandisto kaj baldaŭ unu el ĝiaj ĉefgvidantoj, precipe sur la kampo de la lingva tekniko, kie li intense laboris kun Zamenhof kaj kun Rektoro Boirac.

La malnovaj Esperantistoj emocie rememoros la obstinan bataladon, kiun li liveris en 1906 kaj sekvantaj jaroj kontraŭ la reformemuloj, batalado dum kiu li sukcesis, sub la krio « Ni fosu nian sulkon ! », kunigi la energion de ĉiuj klarvidantaj amikoj de Esperanto. Ĝis sia morto li restis la fidela gardisto de la Fundamento, tiu fortika bazo de nia komuna entrepreno.

Théophile Cart estas la verkinto de la ĉiekonata lernolibreto « Esperanto en dek lecionoj » ; dum la naŭ lastaj jaroj antaŭ la milito li estis ĉefredaktoro de « Lingvo Internacia », unu el la ĉeforganoj de nia movado tiutempa ; li estas la vera iniciatinto de la enkonduko de Esperanto inter la blinduloj, por kiuj li fondis en 1904 la « Braille » presitan Esperanto-gazeton « Esperanta Ligilo », kiun li redaktis ĝis 1914.

Kun Profesoro Cart forlasas nin unu el la malmultaj belaj figuroj el tiu tempo, kiun oni povas nomi la heroan tempon de nia movado. La tutmonda Esperantistaro dolore funebras pro lia perdo neriparebla.

Diversaj eminentuloj el la universitataj rondoj de Francujo kaj la reprezentantoj de la franca kaj internacia movado ĉeestis la enterigan ceremonion, kiu okazis sabaton, la 23an de Majo, en la tombejo Père Lachaise en Parizo.

Belga Ligo Esperantista kaj kun ĝi ĉiuj samideanoj el nia lando, prezentas al Sinjorino Cart kaj ŝia filo Adrien la esprimon de siaj emociplenaj kondolencoj. Ili kun respekto klinas la kapon super la ĵus fermita tombo de tiu, kiu eniris la Panteonon de niaj grandaj homoj, de tiu, kies belega, ekzempla konduto neniam estos forviŝata el ilia memoro.

Pace li dormu, en niaj koroj li vivu! Ni daŭrigu fosi lian sulkon !

Fr. SCHOOFS.

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Protokolo pri la Komitata kunsido en Bruselo, 12 Aprilo 1931.**

La kunsido malfermiĝis je la 10a h., sub la prezidanteco de S-ro Fr. Schoofs, Liga prezidanto.

ĈEESTIS : S-ino Elworthy-Posenaer, S-roj Babilon, Schoofs, Van der Biest, Komitatanoj ; grupaj delegitoj : S-roj De Ketelaere (La Verda Stelo), Antverpeno ; Ch. Poupeye (Bruĝa Grupo) ; D-ro Kempeneers (Brusela Grupo) ; H. Petiau (Genta Grupo) ; Leflot (Liera Stelo) ; L. Cogen (Ninove) ; H. Braet (Nieuwpoorta Grupo). — Senkulpigis sin : S-roj Champy, Osc. Van Schoor, komitatanoj, la grupoj el Hasselt, Lieĝo, Sclessin kaj Verviers ; kaj S-ro Jaumotte, kasisto.

*TAGORDO :*

1) SITUACIO DE B.E.L. : S-ro Schoofs informas pri la financa situacio de la Ligo, kiu estas kontentiga. Li faras tamen alvoko al la grupoj por ke ili ne nur konservu sian forton sed pligrandigu ĝin.

2) PROKRASTO DE B.E. : La prezidanto klarigas la nunan situacion. Pro diversaj malhelpoj, la ĵurnalo ne jam povis reaperi. Nun ĉiuj necesaj rimedoj estas alprenitaj por ke nia revuo baldaŭ reeliru. Li ankaŭ certigas, ke estonte tiu bedaŭrinda prokrasto ne plu okazos.

Li priparolas la tutan problemon de la gazeto, laŭ organiza kaj laŭ financa vidpunktoj kaj krom tio laŭ vidpunkto de ĝia efikeco rilate al la elspezoj pro ĝi faratAj. Li klarigas, kiel oni povus ŝanĝi la tutan aferon por la plej granda profito de la Liga Kaso.

Poste la prezidanto konigas proponon de S-ro Van de Velde (Genta Grupo), kiu sugestas : 1) anstataŭi B.E. per jarkvarona revuo, kiu enhavus propagandajn verkaĵetojn en la du naciaj lingvoj (la tekstoj ne estu tradukaĵoj unu de alia) kaj sur aparta folio aŭ ne, informojn en Esperanto pri la ĝenerala movado ; 2) abonigi kiom eble plej multe la anojn de la lokaj grupoj al la organo de U.E.A., kiu bezonas multe pli da abonantoj kaj sen kiu nia lingvo mortos,

La kunveno tre atente ekzamenis kaj pridiskutis tiun proponon. Post detala priparolado oni akordiĝas je la opinio, ke eldono de nacilingva gazeto estas malfacila rilate al redaktado kaj ke laŭ propaganda vidpunkto ĝi ne estas tiom efika, kiom oni povus esperi, precipe pro tio, ke rimedoj mankas por amase ĝin puŝi en la grandan publikon.

Aparte konsiderinte la klarigojn de la prezidanto, oni fine unuanime decidas, ke B.E. daŭrigos aperi nur en Esperanto, ĉiumonate, sed en pli malgranda amplekso (ekzemple 16 paĝojn anstataŭ 32); oni malgrandigos la literaturan parton, kiu estos anstataŭata per verkoj eldonotaj de Belga Esperanto-Instituto en libra formo, ĉu de belgaj, ĉu de alilandaj aŭtoroj; tiuj libroj estos sendataj al la abonantoj de B.E. kiom eble plej ofte, laŭ la rimedoj de la Ligo. Tiamaniere la membroj posedos verketojn interesajn kaj montrindajn kiel propagandilojn, kiujn ili daŭre povos konservi en sia biblioteko. En la kolekto de tiuj libroj oni ankaŭ eldonos nacilingvajn propagandajn verkojn, kiujn la samideanoj povos utile uzi en sia ĉiutaga laboro por Esperanto.

Rilate al la ĝenerala propagando en la publiko, la Estraro pli fortigos la laboron de la grupoj per intensigo de la gazetara servo, per pliofta diskonigo de la ĉefaj okazintaĵoj en la Esperanto-movado.

Por fini la jaron 1930, ni eldonos lastan numeron de B.E., kaj por kompensi la abonantojn pri la neeldonitaj kajeroj ni sendos al ili la bonegan verkon de M. Rollet de l'Isle « La Enkonduko de Esperanto » en la du naciaj lingvoj: « L'Initiation à l'Esperanto » kaj « Inleiding tot Esperanto ».

Pri la dua parto de la propono de S-ro Van de Velde, la komitato rekomendas al la grupoj, ke ili energie varbu membro-abonantojn por U.E.A., kies ekzistado estas necesega al nia movado. Belga Ligo Esperantista ĉiam konkorde kunlaboris kun nia universala Asocio kaj estonte ankaŭ daŭrigos tion fari.

3) ESTONTA AGADO: La Ligestraro klopodos por konigi Esperanton en diversaj medioj kaj precipe per la disvastigo de malgrandaj gramatikoj. Ĝi ankaŭ faros sian eblon por ke venontan vintron okazu novaj kursoj el la nacia Radio-stacio, kiel ĝi faris antaŭe, interkonsente kun la malaperinta organizaĵo « Radio-Belgique ». Ĝi rekomendas, ke la esperantistoj skribu dankvorton al la Nacia Radio-Instituto, ĉiufoje, kiam tiu ĉi dissendis paroladon en aŭ pri Esperanto.

4) 20a BELGA ESPERANTO-KONGRESO EN NIEUWPOORT. — S-ro Braet prezentas la programon de nia proksima nacia kongreso, kiu okazos en Nieuwpoort dum la Pentekostaj tagoj kaj invitas ĉiujn belgajn Esperantistojn ĝin ĉeesti. La kunveno akceptas la prezentitan programon.

5) DIVERSAĴOJ. — Pro manko de tempo, S-ro Scherer, kiu faras propagandan vojaĝon kiel delegito de I.C.K., ne povos viziti Belgujon. Aranĝo de propagandaj paroladoj en nia lando ne estas ebla nunmomente. I.C.K. studas la eblecon sendi alian delegiton en la landojn ne vizititajn de la nuna vojaĝanto.

Post kelkaj dankvortoj de la prezidanto al la ĉeestintoj, la kunsido estas fermata je la 13a h.

# XXa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

## Nieuwpoort, 23-26 de majo 1931

### Sabaton, la 23 de majo.

Estas mirinde, kiom « Dio estas kun la Esperantistoj »! Kiel malnova samideano, ĉeestinta eĉ la unuan universalan kongreson de Bulonjo-sur-maro en 1905, mi povas certigi ke, eĉ se pluvas aŭ vintras kelkajn tagojn antaŭ unu el niaj kongresoj (la unua supozo okazis en 1905; la dua, en 1931) la bela vetero kun brila Esperanta suno sin ekmontras ĉiam je l'komenco de niaj kongresoj: estis tiel en Boulogne, estis tiel en ĉiuj niaj kongresoj naciaj de post la milito, estis tiel nunjare en Nieuwpoort, kaj se estis iafoje escepteto, ĝi brile konfirmis la regulon! Tio devenas sendube el la fakto ke la granda entuziasmo kaj la varmkoreco de la Geesperantistoj forpelas la pluvnubojn kaj la malvarmajn aerondojn!

Tiu entuziasmo kaj varmkoreco denove regis en Nieuwpoort, la beleta nova urbeto rapide renaskiĝinta el siaj militaj cindroj, de la momento de l'alveno de la gesamideanoj ĉe la tramveturila stacidometo: ĉiu posttagmeza tramveturilo, ĉiu aŭtobuso elverŝis sur la kongresurban teron, aron da gekongresanoj, ĝoje akceptitaj de sinjoroj Huygebaert kaj Braet, kaj tuj kondukitaj de ili al iliaj reciprokaj loĝejoj kaj al la Akceptejo. Kompreneble ĉi tie kaj dumvoje, la interkonatiĝo de iuj, la revidiĝo de aliaj, okazigis ĝojan, bruoplenan babiladon. Tuj ni nin sentis denove en nia kara kaj gaja Esperantujo!

Jam la verda standardo flirtas ĉe la fasadoj de l'Akceptejo (Hôtel de Belle-Vue) kaj de nia vasta kaj bela festen-kaj-festejo (Duinenhuis), en la Ostendo-strato. Morgaŭ tria flago flirtos ankaŭ sur la urbodomo.

En la Akceptejo la gesamideanoj estas aminde akceptataj de Sinjorino Somerling kaj de Fraŭlino De Reuse kaj je l' 21a ĉiuj estas petataj supreniri en la grandan unuetaĝan salonon, kie S-ro Schoofs, prezidanto de Belga Ligo Esperantista, tuj malfermis, antaŭ sesdeko da geĉeestantoj, la liberdiskutan laborkunsidon. Ĉar nia amiko, la liga sekretario, S-ro Petiau, suferanta je tropika febro, ne povas ĉeesti la kongreson, vicprezidanto Cogen prenas sur sin dejoradi kiel kongressekretario.

S-ro Schoofs, demandinte kiu petas la parolvicon, S-ro Bas fine deklaris, ke li estos la « bonvolulo kaj malfeliĉulo », kiu respondos al la invito.

S-ro Bas plendas pri pasintjaraj okazintaĵoj kaj neokazintaĵoj. Li volas paroli ĉi-tie amike kaj senkaŝe. Oni devus serioze nun pristudi la staton de Esperanto en nia lando kaj serĉi rimedojn, ĉar tiu stato ne estas bona precipe pro la neapero de « Belga Esperantisto ». Li ankaŭ plendas, ke la membroj de la Ligo estis tro malfrue invititaj al la Nieuwpoort'a kongreso. Eĉ oni ne avertis ke alia faka kongreso okazus kaj diversaj francaj samideanoj, pro tio erarigitaj, iris al Aalst, anstataŭ veni Nieuwpoort'on. Nia prezidanto, S-ro Schoofs, kiu estas lia propra amiko, invitita por ĉeesti kunvenon de la Bruĝa grupo, tien ne iris.

F-ino Thooris al tiu lasta punkto respondas, ke tiu neiro okazis pro ŝanĝo de dato kaj post interkonsento kun S-ro Schoofs, S-ro Jaumotte estus irinta al Bruĝo, al publika debato por kaj kontraŭ Esperanto. Li ankaŭ ne povis iri,

pro la subakviĝo de sia domo, kaj F-ino Thooris mem lin anstataŭis. La debato cetere turnis favore al Esperanto. Krome la prezidanto jam akceptis iri al Bruĝo por propagando farota post la somero.

S-ro Schoofs tiam diris, ke li dronis en malfacilaj cirkonstancoj (kiel klarigita en la ĵus aperinta junio-decembra numero 1930 de Belga Esperantisto) ; ke plie koincidis, ke kutime kunlaborantaj amikoj estis malhelpataj tion fari dum la lastaj monatoj, sed oni havu konfidon : de nun la gazeto povos denove aperi akurate ; la malhelpoj estas for.

Post daŭrigo de la diskuto en kiu partoprenis ankaŭ S-ino Elworthy, S-roj Poupeye, De Hondt, Boffejon, kaj dum kiu estas parolate por kaj kontraŭ centrigo de la Esperanta laboro, oni interkonsentas, ke la Ligestraro serioze esploros la situacion de « Belga Esperantisto » kaj de la propaganda laboro de la Ligo.

S-ro Schoofs tiam rememorigis (vidu B.E. junio-decembro 1930), ke B.E. aperos de nun kiel informa bulteno kaj ke ĉiujare aperos la « literatura parto » en du, tri, aŭ pliaj apartaj broŝuroj, sendotaj al la abonantoj : tiamaniere la gazeto kostos multe malpli kaj la literaturaĵoj estos pli facile konservebla materialo.

S-ro Schoofs petas, ke ankaŭ en la grupoj oni laboru por la komuna afero kaj sendu akurate raportojn pri tiuj laboroj. Dum la lastaj jaroj, Belga Ligo, interkonsente kun Belga Esperanto-Instituto, kreis multan materialon, kiun antaŭe — kiam la rimedoj ne ekzistis — oni plore petis, kaj kiun nun oni preskaŭ ne uzas. Li dankis ĉiujn pro ilia intereso al la diskutado, promesante ke, kiel dum la lastaj 25 jaroj, la Belga Esperantistaro povas kalkuli sur liaj plej bonaj fortoj por la progresigo de nia movado en Belgujo.

S-ino Elworthy poste faris tre interesan paroladon kun lumbildoj pri la ĉefaj tutmondaj Esperantistoj mortintaj, parolado kaj lumbildprojektado, kiuj estis nefareblaj pasintan jaron en Lieĝo pro diversaj malhelpaĵoj. Tiu parolado, tre instrua ĉefe por la junaj geesperantistoj, ricevis grandan kaj meritan sukceson. La bildoj, projektitaj per fotoskop-aparato, estis tre belaj kaj netaj. La prezidanto gratulis kaj dankis la paroladintinon kaj ĉiu iris enlitiĝi : estis jam pli ol noktomezo !

**Dimanĉon, la 24an de Majo.**

La gekongresanoj iom post iom kunvenis en la Akceptejon kun la nove alvenintaj karavanoj, por eniri la urbdomon tute proksime starantan sur la Granda Placo, por la oficiala akcepto kaj la kongresa kunveno. Je la deka ĉiuj estis en la granda teretaĝa salono kie, malantaŭ la tablo, sidis Sinjoroj la Urbestro, la du skabenoj, la polica komisaro, la prezidanto de la loka komerca ĉambro, flanke de S-ro Heugebaert, prezidanto de l'Nieuwpoort'a grupo, S-ro Braet, sekretario, ĉeforganizanto de l'kongreso, S-roj Schoofs, Cogen, Kempeneers, prezidanto kaj vicprezidantoj de B.L.E. kaj ankaŭ nia bonega amiko, S-ro Leflot, prezidanto de la Liera grupo, kaj aĝdekano de la belgaj samideanoj.

S-ro Heugebaert prezentis la gekongresanaron al la urbaj aŭtoritatoj kaj la urbestro en bone pensita kaj esprimita parolado, deziris bonvenon kaj bonan laboron al la kongresantoj. Li insistis pri la ĉiam pli granda neceseco de la ekzisto de lingvo internacia. Estas tial, li diris, ke la urbestraro helpis la junan lokan grupon kaj permesis, ke la pasintvintra Esperanto-kurso okazis en

tiu urbdoma ĉambro mem, kiu estas ankaŭ la sid'oko de la grupo. (laŭta aplaŭdo.) Li invitas la gekongresanojn malplenigi glason da ĉampanvino.

S-ro Schoofs respondis al tiuj paroloj per dankesprima parolado en kiu li siavice montris la utilecon komercan de Esperanto kaj esperis, ke la loka komerca ĉambro sekvos la ekzemplon de aliaj grandurbaj ĉambroj, kiuj adoptis nian lingvon. Li dankis la organizintojn de la kongreso kaj ĉefe S-ron Braet, kiu estas la animo de tiu laboro, kaj esperis al la loka grupo sukcesan batalon por la Esperanto-movado en la regiono. Li deziris longan, pacan prosperon al reviviĝinta Nieuwpoort kaj montris specimenon de nia lingvo klare elparolante kelkajn vortojn en ĝi.

Post tio la urbestro invitis la ĉeestantojn, viziti la diversajn ĉambrojn de l'urbdomo kaj tiel la gesamideanoj, gvidataj de la urba sekretario, havis la agrablan surprizon admiri la multnombrajn skulptaĵojn, kiujn la granda Nieuwpoort'a skulptisto Braecke, nun pli ol sepdekjara, donacis al sia naskiĝurbo: estas vera kaj multadmirinda muzeo! Ĉiuj remalsupreniris en la teretaĝan salonon kie S-ro Schoofs tuj malfermis la ĉiujaran ĝeneralan kunsidon de B.L.E. Post kelkaj bonvenaj paroloj al la gekongresanoj, pli speciale al la nebelgaj, li ekfaris serion de bonaj kaj, bedaŭrinde, ankaŭ de malbonaj komunikoj. Komencante je tiuj lastaj li sciigis la ĵus al li anoncitan novaĵon de la subita morto de S-ro Th. Cart, prezidanto de la Lingva Komitato kaj de ĝia Akademio. Kun subita kaj granda emocio la ĉeestantaro aŭskultis la trafajn memorparolojn diritajn de S-ro Schoofs, kiu petis ke la aŭskultantoj dummomente ekstaru silente por honori la memoron al tiu granda forrabita samideano. Post tiu pia ago, la kongresa prezidanto legis senkulpigan leteron de nia sekretario, S-ro Petiau, tenata en lito, kiel jam dirite, pro malsano. Estas la unuan fojon, ke nia amiko estas malhelpata ĉeesti kongreson nacian!

Dua senkulpiga letero alvenis de alia fidela kongresĉeestinta amiko: S-ro Champy, el Antverpeno. Ankaŭ S-ro M. Jaumotte, kasisto, skribis ke, pro profesiaj devoj, li estas malhelpata ĉeesti.

Estas tiam legataj senkulpigaj aŭ simpatiesprimaj leteroj de: S-ro Advokato Marcel Roost, S-ro Hérion (en geedziĝa vojaĝo); I.C.K., British Esperanto-Association, Deutscher Esperanto-Bund, Hamburgaj Esperantistoj, Federazione Esperantista Italiana (Torino), Internacia Esperanto-Muzeo en Wien, grupo el Köln, Komercista Esperanto-Unio, Palais Mondial, (Bruselo), Soloturna grupo, S-ro Agourtine, kaj telegramoj de S-ro Witteryck, prezidanto pro honoro de B.L.E., kaj de S-ro R. Geerinck, el S-ta Nikolao.

S-ro Schoofs proponis sendi, kiel kutime, salutan telegramon al Princo Leopoldo, honora prezidanto de B.L.E. kaj dank- kaj simpatiesprimajn telegramojn al S-roj Witteryck kaj Petiau, kaj leterojn al la aliaj bondezirintoj. (akceptite.) La prezidanto petis tiam al S-ro Kempeneers, ke li laŭtlegu la jenan raporton:

## RAPORTO DE LA GENERALA SEKRETARIO PRI LA AGADO DE 1930

*Estimataj Geliganoj!*

Ĉiuj el vi, kiuj ĉeestis nian nacian kongreson en Lieĝo, certe ankoraŭ memoras ĝian belan sukceson. Ĉirkaŭ 200 gekongresanoj el 7 diversaj landoj ĝin partoprenis. Malgraŭ ĉiuspecaj malfacilaĵoj neeviteblaj dum internacia

ekspozicio, la organizantoj sukcesis ĉion plej kontentige aranĝi. Je l'nomo de la Ligestraro ni tutkore dankas kaj gratulas ilin!

Dume, la grupoj daŭrigis sian agadon organizante paroladojn, kursojn, festojn, ekskursojn, k.t.p. La Bruĝaj kaj Bruselaj grupoj meritas specialan mencion pro la agemeco de sia grupa vivo. Ili sukcesis starigi tre bonan teatran sekcion, kiu sukcesplene ludis diversajn teatraĵojn. Cetere vi havos la okazon hodiaŭ vespere aplaŭdi ilin ambaŭ dum la kongresfesto.

La 30an de novembro pasinta, la « Genta Grupo » festis la 20jaran datrevenon de sia fondiĝo kaj la dudekjaran jubileon de sia Sekretario-fondinto. Kvankam la ceremonio estis tre simpla, multaj gesamideanoj el diversaj urboj ĝin ĉeestis kaj preskaŭ ĉiuj grupoj sendis delegitojn, kiuj pruvis per koraj parolaj kaj belaj memoraĵoj sian simpation al la jubileulo. La drama sekcio de la Brusela Grupo montris sin, je tiu okazo, tre servema kaj helpema akceptinte iri Genton por ludi teatraĵon dum la jubilea festo. Cetere ĝia sukceso estis tre granda. Mi profitas la hodiaŭan tagon por danki je l'nomo de « Genta Grupo » kaj je mia propra nomo, por la ĉiuspecaj elmontroj de simpatio, kiujn oni donis okaze de tiu jubileo. Al ĉiuj ni esprimas nian profundan dankemon!

En Lieĝo fondiĝis nova societo: « Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto », kiu grupigas la diversajn grupojn de la Lieĝa ĉirkaŭaĵo kaj laboras en plena interkonsento kun la Ligo.

Je sia flanko, la Ligestraro okupis sin pri la ĝenerala propagando. Kiel la antaŭaj jaroj ĝi organizis du novajn kursojn ĉe « Radio-Belgique ». Kvankam la horo de la kursoj ne estis tre favora, la nombro de gelernantoj estis relative granda kaj la rezultato sufiĉe kontentiga. Ni ŝuldas grandparte la sukceson de tiuj kursoj al la sindonemo de la profesoroj: S-roj Kempeneers kaj Jaumotte, kiuj nenion preterlasis por igi ilin plej interesaj kaj agrablaj. Ni kore dankas kaj gratulas ilin ambaŭ je l'nomo de la belga esperantistaro!

Aliaflanke, la « Gazetara Servo » diskonigis per la ĉiutagaj ĵurnaloj la ĉefajn okazintaĵojn de nia movado.

Samtempe, « Belga Esperanto-Instituto » daŭrigis sian utilan laboron por nia movado eldonante novajn librojn kaj esperantaĵojn. Por doni ideon pri ĝia graveco, ni diru, ke ĝia subskribita kapitalo atingis Fr. 145.000 de kiu oni pagis pli ol Fr. 104.000. Tiuj ciferoj estas elokventaj kaj montras la gravecon de nia belga movado. Ni povas fieri ĉar nia malgranda lando posedas tian gravan institucion kaj ni nur povas rekomendi al ĉiuj belgaj samideanoj, ke i'i fariĝu akciuloj de tiu koopera societo, kiu ĉiujare disdonis al siaj kooperantoj dividendon de 7 1/2 % nete. La pasintan jaron, « Belga Ligo » ricevis la sumon de Fr. 500,— el la profito de la Instituto.

Bedaŭrinde, dum tiu tempo, nia « Ligo » travivis akran krizon! Pro diversaj malfacilaj cirkonstancoj nia revuo « Belga Esperantisto » ne plu aperis dum pluraj monatoj kaj rezultis malfavora situacio. Feliĉe rimedoj estas nun alprenitaj por ke ĝi nepre reaperu. La ĵurnalo estas nun ĵus elirinta kaj de nun aperos regule. Por kompensi la abonantojn de 1930 pro la nericevitaj numeroj, ili ricevos propagandajn broŝurojn, kiuj tre utilos al ili por la ĝenerala propagando. Ankoraŭ iom da pacienco kaj ĉio reboniĝos!

Malgraŭ tiuj malfavoraj cirkonstancoj, ni havas tamen agrablan taskon por plenumi! Estas kun vera plezuro, ke ni konstatis, ke malgraŭ la krizo, kiun ni travivis, la rilatoj inter la grupoj kaj la Ligestraro restis plej agrablaj kaj afablaj. Neniu akra parolo estis dirita dum la diskutoj de la Liga Komitato, nur kuraĝigajn vortojn ni aŭdis kaj tiu pruvo de konfido multe helpis por eliri el la malfacilaĵoj, en kiuj ni baraktis.

Je l'nomo de la Ligestraro mi tutkore dankas la belgan esperantistaron pro ĝia lojala sintenado, kiu estis por ĝi tre efika subteno. Ni certigas ĝin, ke ni faros nian tutan eblon por ke la belga movado akiru ĉiam pli grandan disvolviĝon.

Ni do forgesu la malbonajn tagojn! Ni nur rigardu la estontecon kun fido! Ni laboru en konkordo, en plena interkonsento kaj baldaŭ la sukceso estos nia!

Al la laboro kaj Vivu Esperanto! Henri PETIAU.

Tiu raporto estis unuanime aprobata.

La prezidanto denove petis al S-ro Kempeneers, ke li legu leteron, kiun sendis S-ro Jaumotte, kasisto, pri la stato de la kaso. Tiu stato estas provizora, atendante la eliron de la presaĵoj finiĝantaj la societan jaron 1930. Pri la definitiva financa bilanco aperos raporto en la proksima numero de B. E.

S-ino Elworthy proponis, ke oni denove kolektu la « soldon por Esperanto », kiu funkciis antaŭ la milito.

S-ro Schoofs respondis, ke je ĉiu kongreso oni tion faras sub la nomo « monkolekto por B.L.E. ». Oni faros same hodiaŭ vespere dum la festo. Li aldonis ke la Ligestraro reekzamenos zorge la financan staton de la Ligo.

La prezidanto memorigas ke la nunjara universala kongreso de Esperanto okazos en Krakovo kaj petis kiu iros al tiu... krak'ova kongreso. S-roj Schoofs kaj Kempeneers esprimis la intencon iri. Post mallonga raporto pri U.E.A. en Belgujo, en kiu li konstatis, ke la nombro de membroj, malgraŭ la tutmonda krizo, restis la sama kiel antaŭe (iom pli ol 300, kio estas tre ŝatinda nombro por nia malgranda lando), S-ro Schoofs transdonis la parolvicon al S-ro Martin Fehr el Düren, kiu pledadis por organizado de landlimaj amikaj kunvenoj, ĉefe ĉe junaj Esperantistoj, alterne en Germana kaj Belga limurbo aŭ urbeto, por pli intime fratiĝi.

S-ro Schoofs petis ke la proponinto havigu al ni la detalojn pri lia propono, por publikigo en B. E.

Poste li informis la kunsidantaron, ke en la « Norda Gazeto » (Francujo) estas anoncite, ke okaze de inaŭguro de la « Placo Zamenhof » en Bulonjo-sur-Maro okazos tie, la 26an de julio proksima, federacia kongreso al kiu ĉiuj Esperantistoj estas kore invitataj, kaj li instigas la belgajn Esperantistojn partopreni multnombre.

S-ro Kempeneers invitas ĉiujn Esperantistojn peti perletere al Belga Radio-Instituto, rue du Bastion, Bruselo (antaŭe Radio-Belgique), ke ĝi reorganizu la Esperantajn kursojn proksiman vintron. Estas decidite, ke ankaŭ Belga Ligo Esperantista skribos al tiu instituto samsence.

Fine la prezidanto transdonis al la nebelgaj amikoj la parolvicon por ke ili, per kelkaj vortoj, pruvu la internacian kompreneblecon de nia lingvo al la novaj, junaj Esperantistoj ĉeestantaj la kongreson. Laŭvice parolis: por

Britujo, S-ro Moy-Thomas; por Germanujo, S-ro Sandrock, kiu invitis, kiel pasintan jaron, la belgajn samideanojn por ĉeesti la 3an kaj 4an de oktobro, la senceremonian kunvenon de la grupo de Köln; por Francujo, S-ro Trottin; por Hungarujo, Ges-roj Vajda.

Koran dankon al ĉiuj kaj pli speciale al la georganizantoj de l'nuna kongreso esprimis S-ro Schoofs, post kio ĉiuj plej bonhumore forlasis la urbdomon por iri al la Longa strato, kie estis prenita la kongreskutima fotografaĵo. De tie ĝis Duinenhuis estas nur unu paŝo, kaj oni tie tre antaŭtempe venis por la festeno, kiun ĉeestis okdek partoprenantoj.

Ĉi-tiu povis do komenci sen prokrasto kaj ĝi kontentigis la plej postulemajn laŭ vidpunkto de la bongusteco kaj manĝaĵsufiĉeco. Jen la menuo: «Printempa supo — Rombfiŝo, fandita butero, novaj terpomoj — Bovlumbaĵo, diversaj legomoj — Rostita kokidaĵo, kompoto — Kukaĵo».

Tre gaja, babilplena estis la festeno ĉefe je l'momento de la toastoj. Unue toastis al la Reĝo, prezidanto Schoofs, kiu proponis sendi salut-telegramon al la Reĝa Familio (ludado de la Brabancono). Vice spritplene toastis:

S-ro Schoofs al la aŭtoritatoj de Nieuwpoort kaj al la gazetistaro de nia lando;

S-ro Kempeneers, al la nebelgaj ĉeestantoj;

S-ro Boffejon, al la sinjorinoj kaj fraŭlinoj.

Dankis je la nomo de la alilandanoj S-ro Trotin, kiu kaptis tiun okazon por ree inviti al la solenaĵo de la 26a julio en Bulonjo;

F-ino Thooris dankis je la nomo de la Esperantistinoj kaj toastis al la sinjoroj;

S-ro Cogen trinkis je la sano de la georganizantoj de l'kongreso, je kies nomo respondis S-ro Somerling el Nieuwpoort;

Laste S-ro Moy Thomas toastis al la prezidanto Schoofs, kaj kantigis de ĉiuj ĉeestantoj «Li estas bonegulo», laŭ angla kutimo.

Tiam oni disiĝis grupe por iri enspiri la maraeron kaj admiri la monumentojn militmemorigajn, je kiuj Nieuwpoort riĉiĝis en la lastaj jaroj.

Je la 21a ĉiuj rekunestis en Duinenhuis, kie okazis la vere tre bela, interesa kaj sukcesplena kongresa festo, organizita de la Belga Festorganiza Klubo kaj kun la kunlaborado de la kant-kaj-teatro sekcio de la Bruĝa grupo kaj de la teatra sekcio de la Brusela grupo kaj ankaŭ de nia talentega Bruĝa samideanino-kantistino, F-ino Georgette Hubrecht.

Por la estontaj generacioj ni diros ke «Bruselo» ludis «Ŝafo», unuaktan komedion de A. Bisson kaj G. Thurner, (traduko de S-ro Castel), «Bruĝo», la originalan unuaktan komedion de Arturo Ghez, «Vi sola, Esperanto, povas fari tiajn miraklojn», ke «Bruĝo» kantis en la komenco de la festo «La Esperon, La Tagiĝon» kaj «Al la Esperantistaro» kaj ke F-ino Hubrecht ravis la geaŭskultantaron kantante belege «Revenu vi» (Berlioz), Arion el Herodiade kaj, bise, dolĉan lulkanton de Gretchaninov. Ĉiuj, gekantistoj, kantistino kaj geaktoroj rikoltis plej meritite tondrajn aplaŭdojn. Glorinda ankaŭ estas la bona fortepiano, fakto tro malofte citebla en niaj kongresoj!

Tre ĝojo-kaj-movoplena balo, kun kotiljono lertege aranĝita de F-ino Yolande Hubrecht, sekvis la feston kaj la paroj konsentis lasi tiun ĉarman lokon nur je la... dua kaj duono de l'mateno!

Ni aldonu, ke la monkolekto por B.L.E. farita dum la festo, produktis la sumon da 326,25 fr.

**Lundon la 25an de Majo.**

La programo menciis: je la 9a matene, foriro al Oostdunkerke laŭvole ĉu piede, ĉu tramveturile. Estas facile kompreneble ke post tiom dancema... frumatena agado, neniu estis ĉe la posteno je la 9a, kaj ke, esceptante seson da kuraĝuloj, neniu atingis la Benoit'an Esperantujon piede! Ĉiuj saltis sur la tramveturilon proksimume je la deka kaj duono. Post enspiro de horeto da malsatiga maraero dum marborda sursabla promenado, oni eksidiĝis antaŭ la bongustaĵportaj tabloj de la hotelo de amiko Benoit, kaj dum ludado de agrabla muziko, ĉiuj englutis bonegajn manĝaĵojn. Iumomente la orkestreto ludis la « Kongresamatino » 'n de samideano Moy-Thomas: granda sukceso por la aminda aŭtoro kaj... biso por lia bela, sprita muzikaĵo! Prezidanto Schoofs lastafoje ekkaptis la parolvicon por, laŭ kongreskutimo « danki, danki, ĉiam danki », kaj li dankis kaj gratulis samideanon Benoit, kiu kore respondis, kaj li dankis la ĉeestintojn al la kongreso, kaj li fine ankoraŭ redankis la georganizintojn. F-ino Thooris tre kaj tro dankis S-ron Cogen, kiel organizinton de la festo, sed li prave reĵetis la tutan meriton sur la lertajn geaktorojn, gekantistojn kaj kantistinon.

Ankoraŭ du, trihora restadeto en la sablomontetoj de Oostduinkerke, dum kiuj la gaja amiko Moy-Thomas multe amuzis grupon de geaŭskultantoj per sia kanta-kaj-gitara talento, kaj la tramveturilo rekondukis, grupo post grupo, al Ostendo la gekongresanojn, ĉiujn ĝojegajn kaj feliĉajn pro tiu kongreso glorinda kiel unu el la plej bone organizitaj kaj sukcesintaj: longe oni ĝin dankplene rememoros! L. COGEN.

# BELGA KRONIKO

ANTVERPENO. — **" La Verda Stelo "**. — Dum la monato Januaro la membroj brue diskutis la problemon ĉu « Maŝinismo estas utila ». Niaj diskutemaj amikoj longe interbatalis parole por defendi aŭ por kontraŭstari la opinion, laŭ kiu Maŝinismo estas utila. Dum tiu monato ni ankaŭ malfermis novan kurson. Sed ĝi ne sufiĉe altiris interesulojn. La 31an ni havis la Ĝeneralan Jarkunvenon. Estis okazo por memorigi al la membroj ke ne sufiĉas esti membro de la Grupo por esti bona propagandisto; oni ankaŭ devas profiti ĉiun okazon por varbi novajn esperantistojn.

Ni havis la grandan plezuron akcepti junan Japanan Samideanon S-ron Hada Syoso, kiun akceptis ĉe la ŝipalveno S-ro Janssens kaj gvidis tra la urbo. S-ro Hada Syoso partoprenis la festenon, kiun la grupo ĉiujare organizas por festi la datrevenon de ĝia fondiĝo. Bela partoprenantaro estis kunveninta en la salonoj de la restoracio « Reĝo Alberto ». Bone sukcesis tiu festeno. Je l'okazo de Karnavalo ni kunvenis en « Witte Leeuw » kaj tie bone amuzis nin dum la vespero. Duan diskutvesperon ni havis kun temo: « Ĉu por, Ĉu kontraŭ la uzo de alkoholo ». Malgrandan paroladon pri Londono faris S-ro Faes. Bonaj lumbildoj agrabligis la paroladeton.

En Marto S-ro De Ketelaere komencis novan Perfektigan kurson. Tre utile estas organizi tiajn kursojn, ĉar ili kunvenigas la plej bonajn elementojn de diversaj unuagradaj kursoj. Gramofonkoncerton ni ĝuis en la sekretariejo. Je tiuj okazoj sufiĉe multnombre venas la membroj. Diskutadis ankaŭ la membroj pri la temo de S-ro De Ketelaere « Ĉu por aŭ kontraŭ la parolanta filmo ». Sabaton 11 Apri'o ni havis la diplomdisdonon al la lernantoj de S-ro De Ketelaere kaj de S-ro Boffejon.

BRUĜO. — **Bruĝa Grupo Esperantista.** — La 30an de Januaro okazis la deka kaj lasta leciono de S-ro Ch. Poupeye, sekretario de la grupo.

Dimanĉon la 8an de Februaro okazis intima festo en Hotelo « Cornet d'Or, je la 5a h. Ĉeestis kelkaj samideanoj el aliurbaj grupoj kiel S-ro De Kegel el Aalst kaj multaj Bruĝaj samideanoj. La programo de la festo konsistis el: ludado de « Vi sola, Esperanto, povas fari tiujn miraklojn », de A. Ghez, ludita de S-ino Stroobandt, F-ino Bulcke, S-roj Mestdagh, Braeckeveldt kaj Costenoble. La teatraĵo multe sukcesis; kantado de diversaj kantoj tradukitaj en Esperanton de S-ro Cogen, kantitaj de F-ino Boereboom. Poste estis vespermanĝo kaj balo kun kotiljonoj.

La 10an de Marto okazis la 20a jara ĝenerala kunveno. F-ino Y. Thooris, Prezidantino, faris la moralan raporton pri la grupo. S-ro Poupeye, la agema sekretario, prezentis la faktan raporton pri la agado, kaj S-ro Guillaume, la ŝercema kasisto, legis la financan raporton. Ĉiuj estis gratulitaj pro sia bonega laboro dum la pasinta jaro. S-ino Stroobandt-Victoor estis aplaŭde elektita kiel help-sekretariino anstataŭ S-ino Golachowska-Kiere, kaj ĉi tiu estis elektita honora membrino de la grupo.

Mardon, la 10an de Majo la grupo akceptis Ges-rojn Braet, el Nieuwpoort por fari diversajn aranĝojn por la 20a nacia Kongreso, por kiu sin enskribis 19 gemembroj. La grupo prenis sur sin la plej grandan parton de festprogramo de tiu kongreso.

Merkredon, la 28an de Majo, S-ro Thomas, brita samideano kiu ĉeestis en Nieuwpoort, vizitis Bruĝon gvidata de F-ino Y. Thooris, la sindonema prezidantino.

Dimanĉon la 7an de Junio kelkaj membroj tre bone sin amuzis dum ekskurso al St. Pietershof apud Bruĝo. La 16an okazis kanta vespero en la grupa sidejo, prezidita de F-inoj Thooris kaj Boereboom, helpataj de S-ino Stroobandt, helpsekretariino, por la akompanado ĉe la fortepiano.

La 30an de Junio kelkaj gemembroj faris promenadon al la « Lago de Amo », loko tre konata kaj vizitata de urbanoj kaj alilandanoj.

BRUSELO. — **Brusela Grupo Esperantista.** — Dum Junio la grupo daŭrigis siajn kunsidojn; oni aŭskultis interesajn paroladojn de F-inoj Jennen kaj Obozinski (dialogan: « Vojaĝo al la Balearaj Insuloj ») kaj de D-ro Kempeneers, kun lumbildoj (« Frakturoj de la kalkaneo »). F-ino La Haye kaj D-ro Kempeneers legis dialoge, kun granda sukceso, komedieton de Dreyfus, titolitan « Kranio sub Uragano » kaj tradukitan de nia formortinta kungrupano S-ro Harlamb. Okazis ankaŭ la kutimaj kunsidoj: ĝenerala kunsido, parolata ĵurnalo, amuza vespero.

S-ro Lafontaine, vicprezidanto de la Senato kaj honora membro de la Belga Ligo, estis nomata honora membro de la Brusela Grupo.

La 25an de Junio, dekkvino da membroj vizitis la novefonditan kaj tre viglan grupon de Jette, kie ili estis tre afable akceptataj.

GENTO. — **Genta Grupo Esperantista.** — La grupo kunvenis kaj la kursoj okazis regule ĉiumerkrede en urba lernejo.

Dum la libertempo, kiu ĵus komenciĝis, la kunvenoj okazos ĉe la Sekretario: St. Lievenslaan, 60, Boulevard St. Liévin, ĉiun merkredon je la 7a vespere. Oni preparos la propagandon por la novaj kursoj, kiuj okazos dum septembro proksima.

HASELTO. — **Haselta Grupo Esperantista.** — Je la fino de Marto finiĝis la kurso, kiu bone sukcesis, ĉar restis 23 gelernantoj, al kiuj S-ro Van Genechten transdonis adresaron de eksterlandanoj kun kiuj ili nun daŭre korespondas.

La 5an de Aprilo okazis dankfesto je la honoro de S-ro Van Genechten kiel kursgvidanto. Alparolado de S-ro Prezidanto kaj de F-ino Adamkova, kiu deklamis la belan poemon « La Vojo ». Nome de la gelernantoj F-ino Tilman kaj S-ro Van Ruiskensvelde, esperantlingve dankis kaj gratulis sian profesoron pro la grava sukceso de la kurso kaj prezentis al li belan memorajon. Oni donacis florojn al S-ino Van Genechten kaj al F-ino Adamkova. S-ro Van Genechten kortuŝite dankis la ĉeestantojn kaj precipe sian ageman kunlaborantinon, F-inon Janssens, al kiu li donacis esp-libron, kiel dankan memoraĵon.

En Aprilo havis lokon la grupa kunveno. Estis decidite, ke dum la venonta somero oni faros ekskursojn biciklete dum kiuj oni parolos nur Esperanton. Tiuj ekskursoj estas nun baldaŭ okazontaj.

# NIA FAMILIA KRONIKO

## GRATULOJ

Al **Gesinjoroj Dotselaere,** membroj de Bruĝa Grupo Esp., al kiuj naskiĝis filineto Marie, la 5an de Februaro.

Al **F-ino Madeleine Coucke,** membrino de Bruĝa Grupo Esp., kiu edziniĝis kun S-ro Lucien De Smedt, la 7 an de Februaro.

Al **S-ro Teo Jung,** eldonisto de « Heroldo de Esperanto », el Kolonjo, kiu edziĝis la 14an de Aprilo kun F-ino Agnes Schröder.

Al **Gesinjoroj L. Kuyk-Petiau,** membroj de la Genta Grupo Esperantista, al kiuj naskiĝis fileto Henri-Guy, la 8an de Majo.

Al **S-ro Joseph Hérion,** prezidanto de la grupo el Verviers, kaj al **F-ino Andrée Gathy,** kiuj geedziĝis la 18an de Majo.

Al **S-ro G. Guillaume,** kasisto de Bruĝa Grupo Esp., okaze de la edziĝo de lia filo Marcel kun F-ino Jeanne Zwaenepoel, la 19an de Majo 1931.

Al **S-ro Jozef Van Gulck,** gvidanto de la Skolta movado Esperantista, el Antverpeno, kiu edziĝis la 26an de Majo, kun F-ino Antonia Vertongen.

Al **S-ro Gustavo Bastiaensen,** membro de « La Verda Stelo », kaj al **F-ino Emilienne Voormeulen,** membrino de sama grupo, kiuj geedziĝis la 27an de Junio.

# PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

ANTVERPENO. — " **La Verda Stelo** ". — Kunvenejo « Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, avenue de France, ĉiusabate, 21 h.

(De 20 h.-21 h. kantlernado en la sekretariejo: Schoenmarkt, 16/1, Marché-aux-Souliers).

*Informo al la membroj de la ķant-seķcio.* — La kantlernadoj de 18 Julio, 25 Julio kaj 1 Aŭg. escepte okazos en la salono de « Witte Leeuw ».

1 Aŭgusto: Amuza vespero. Societaj ludoj.

8 Aŭgusto: Parolado de S-ro A. Faes pri « *Sunbanado* ».

16 Aŭgusto (Dimanĉon): Ekskurso al Santhoven. Kunveno: Stacio Zurenborg, Draakplaats je 8 h. 30 aŭ Borgerhout je 8 h. 45.

22 Aŭgusto: Ĝenerala monata kunveno.

29 Aŭgusto: Raporto pri la Universala Kongreso de Krakovo.

30 Aŭgusto (Dimanĉon): Ekskurso per aŭtobuso al Namuro-Dinanto. Kunveno en « Witte Leeuw » je la 7 h. 45. Forveturo je la 8 h. al: Meĥleno, Loveno, Arbaro de Heverlé, Wavro, Gembloux, Namuro (11 h.), valo de la Mozo (Tagmanĝo en Godinne: prezo Fr. 15,50 servo inkluzive), Yvoir, Dinanto; reveturo el Dinanto je la 18a h. Alveno en Antverpeno ĉirkaŭ la 22a h.

Prezo por la aŭtobuso: po Fr. 50,—. Oni sendu sian aliĝon antaŭ la 23a de Aŭg. al la Sekretariejo, aŭ simple per pago al poŝtĉeknumero 726.54 de « La Verda Stelo » kun indiko « Ekskurso 30 Aŭg. ». Plej laste oni aliĝu kaj pagu dum la kunveno de la 22a Aŭg. La nombro de partoprenontoj estas limigata.

BRUĜO. — " **Bruĝa Grupo Esperantista** ". — Kunvenejo: « Oud Brugge », ĉiumarde je la 20a h.

9 Aŭgusto: Kanta vespero; prezidos F-ino Boereboom.

11 Aŭgusto: Eĥoj pri la 23a Universala Kongreso de Esperanto; prezidos S-ro Guillaume.

18 Aŭgusto: Interparolaj ekzercoj; prezidos S-ino Stroobandt.

25 Aŭgusto: Dikto kaj ekzercoj; prezidos F-ino Thooris.

BRUSELO. — " **Brusela Grupo Esperantista** ". — Kunvenejo: « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde 20 h.

3 Aŭgusto: S-ro Pickard parolos pri la libro de Andrée « *Per Balono al la Poluso* ».

9 Aŭgusto (Dimanĉo): Ekskurso al Linkebeek. Oni kunvenos je la 14a ĉe la tramhaltejo, placo Rouppe.

10 Aŭgusto: S-ro Spielfiedel parolos pri « *La Rusa Literaturo* ». Poste, Parolata ĵurnalo.

17 Aŭgusto: S-ro Castel parolos pri « *La Rabistoj de Chicago* ». Poste: amuza vespero, societaj ludoj.

22 Aŭgusto (Sabato): Dancado en « Châlet des Rossignols », Bois de la Cambre.

24 Aŭgusto: Ĝenerala kunsido. Propagandaj rimedoj. Poste ĉiuj ĉeesantoj respondos la demandon: « Kiel vi ŝatas (aŭ: ne ŝatas) vian profesion? »

31 Aŭgusto: Ges-roj Spielfiedel, S-roj Castel, Kempeneers kaj Lavisse legos, dialoge, « *Oķtavo* », komedieton de Mirande kaj Géroule, traduktitan de S-ro Lavisse.

# BELGA GAZETARO KAJ ESPERANTO

Preskaŭ ĉiuj gazetoj senescepte publikigis malgrandan raporton pri nia bela kongreso de Nieuwpoort; speciale menciindaj tamen estas « *Le Matin* » (Antverpeno), « *Les Nouvelles* » (Haselto) kaj « *L'Avenir d'Oostduinkerke* ».

La fakgazeto « *De Diamantbewerker* » (Antverpeno) verkis du-kolonan artikolon propagandan per la lasttempe dissenditan bultenon de « Internacia Esperanto-Servo » de I.C.K. — La semajna revuo « *Hooger Leven* » cedis lokon al diskuto inter diversaj korespondantoj, dum kiu revenis la ĉiam revenantaj argumentoj por kaj kontraŭ nia lingvo, la kliŝitajn modelfrazojn komparajn, kiujn ni jam konas de tiom da jaroj. Ni dubas, ĉu tiaj polemikoj alportas al nia lingvo aŭ al iu alia projekto unu plian adepton. Antaŭ multaj jaroj ni perdis nian tempon okupante nin pri tiaj gazetbataloj, kaj ni opinias, ke la samideanoj, kiuj defendis Esperanton en tiu ĉi okazo, pli utile uzus sian energion farante simplan sed konstruan propagandon, bazitan sur la praktikaj ecoj de nia lingvo.

En « *Gazet van Antwerpen* » aperis nova pledo de la redaktoro Wannes por la akcepto de Esperanto kiel rimedo de pacigo inter la divers-lingvanoj. — « *Onze School* » ankaŭ enhavis artikolon favoran al akcepto de internacia lingvo kaj donas kelkajn klarigojn pri iu proponita « Basic English ».

« *Le Jeune Barreau* » enhavas raporton pri internacia enketo farita de S-ro Marcel Roost pri reformo de la komercaj juĝistaroj. Notinda estas, ke por tiu enketo la raportanto uzis Esperanton: li dissendis sian demandaron Esperante redaktitan al eksterlandaj fakuloj, kiuj konas nian lingvon, kaj havigis al si per tiu rimedo kontentigan rezulton.

---

## LA TRI FRATETOJ.

PRUDENS VAN DUYSE

Dum babilhor'vespera,
Antaŭ kaban'mizera,
Eksidis la frataro.
« Se kiel reĝo riĉa,
Mi marŝus dum la tuta jar'
Ja nur per ligna ŝuopar',
Se kiel reĝo riĉa! »

« Nu kion vi deziras? »
La plej maljuna diras,
Antaŭ kaban' mizera.
« Se kiel reĝo riĉa,
Bovinon mi sen lupdanĝer'
Ĉevale gardus en fier',
Se kiel reĝo riĉa! »

« Deziru vi, plej juna »!
Kaj diris dolĉe l'juna,
Antaŭ kaban' mizera:
« Se kiel reĝo riĉa,
Por rob' al panjo vendus mi
Ĉevalon, ŝuojn kaj eĉ pli,
Pro ŝia kis' feliĉa! »

El flandra lingvo tradukis:
TYNEVERUM.

# LA PERLO DE TOLEDO

de Prosper Mérimée

(Imitaĵo)

Kiu diros al mi, ĉu la suno estas pli bela, kiam ĝi leviĝas ol kiam ĝi subiras? Kiu diros al mi, ĉu la olivujo aŭ la migdalujo estas la plej bela inter la arboj? Kiu diros al mi, ĉu la Valenciano estas pli brava ol la Andaluziano? Kiu diros al mi, kiu estas la plej bela inter la virinoj?

— Mi diros al vi, kiu estas la plej bela inter la virinoj: estas Aŭroro de Vargas, la perlo de Toledo. La nigrulo Tuzani postulis sian lancon, li postulis sian ŝildon: sian lancon li tenas en la dekstra mano, lia ŝildo pendas ĉe lia kolo. Li malsupreniras en sian stalon, kaj konsideras siajn kvar-dek ĉevalinojn unu post la alia. Li diras:

— Berja estas la plej fortika: sur ŝia larĝa dorso mi forportos la perlon de Toledo, aŭ, je Allah! Cordoba neniam min revidos.

Li foriras, li rajdas, li alvenas en Toledo, kaj li renkontas maljunulon apud la Zacatin.

— Maljunulo kun blanka barbo, portu ĉi tiun leteron al don Guttiere, al don Guttiere de Saldana. Se li kuraĝas, li venos por batali kontraŭ mi apud la fonto d'Almami. La perlo de Toledo devas aparteni al unu el ni.

Kaj la maljunulo prenis la leteron, li ĝin prenis kaj ĝin portis al la grafo de Saldana, kiam ĉi tiu ŝakis kun la perlo de Toledo. La grafo legis la leteron, li legis duelinviton, kaj li frapis sur la tablon tiom forte, ke ĉiuj pecoj falis teren. Kaj li leviĝas kaj postulis sian lancon kaj sian bonan ĉevalon; kaj la perlo ankaŭ leviĝis tremante; ĉar ŝi komprenis, ke li iras por dueli.

— Sinjoro Guttiere, don Guttiere de Saldana, restu, mi vin petas, kaj ludu ankoraŭ kun mi.

— Mi ne plu ŝakos; mi volas ludi la lancludon apud la fonto d'Almami.

Kaj la plorado de Aŭroro ne povis lin haltigi; ĉar nenio haltigas kavaliron, kiu iras por dueli. Tiam la perlo de Toledo prenis sian mantelon, kaj, sur mulino, ŝi rajdis al la fonto d'Almami. Ĉirkaŭ la fonto la herbejo estas ruĝa. Ruĝa ankaŭ la akvo de la fonto; sed ne estas kristana sango, kiu ruĝigas la herbejon, kiu ruĝigas la akvon de la fonto. La nigrulo Tuzani estas dorse sternita; la lanco de don Guttiere rompiĝis en lia brusto; lia tuta sango perdiĝas iom post iom. Lia ĉevalino Berja lin plorante rigardas, ĉar ŝi ne kapablas resanigi la vundon de sia mastro.

La perlo venis de sia mulino.

— Rajdisto, bone kuraĝu; vi ankoraŭ vivos por edziĝi je bela maŭrino, mia mano scias resanigi la vundojn, kiujn faras mia kavaliro.

— Ho perlo tiom blanka, ho perlo tiom bela, eltiru el mia brusto tiun lancstumpon kiu akre doloras: la malvarma ŝtalo min rigidigas.

Ŝi fide alproksimiĝas; sed per la fortoj, kiuj restas al li, li strekvundas, per la tranĉrando de sia spado, tiun vizaĝon tiom belan.

(El Mosaïque.) Tradukis DEWOLFS EDUARD.

# ZAMENHOF-MONUMENTO EN BIALYSTOK

*(Sub la kontrolo de I.C.K.)*

Adreso de la Organiza Komitato: Bialystok (Polujo) Poŝtkesto 120.

## Oficiala Kumuniko

La tutmonda esperantistaro certe ekscios kun ĝojo, ke jam estas komencitaj la preparoj por la konstruo de Zamenhof-Monumento en Bialystok.

Fidelaj al la Majstro, fidelaj al la de li testamentita ideo, ĉiuj gesamideanoj de la vasta mondo multe kontentos, ke fine almenaŭ unu urbo kaj nunkaze ĝuste Lia naskurbo havos decan monumenton, gloriganta kaj eterniganta la memoron de la bonfarinto de l'homaro.

Tie ĉi ni volas sole atentigi, ke pro la altaj kostoj de la Monumento, la subvencio de la urbo kaj la monkolekto en Bialystok ne sufiĉos. Mankos ankoraŭ multe, multe da mono. Por ĝin havigi, estas okazigata monkolekto sub la kontrolo de la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado internacia.

Ni estas firme konvinkitaj, ke neniu el la gesamideanaro en la tuta mondo rifuzos plenumi sian agrablan kaj honoran devon MONOFERI POR LA MONUMENTO AL LA MAJSTRO. Multaj el ili certe ne limiĝos sin sole per monofero; sed ankau ŝatos kunhelpi en la monkolektado. Apartan kaj sinceran antaŭdankon akceptu tiuj. Per tio ili multe helpos al ni.

Informojn pri la monkolekto ni donas ĉi sube. Legu ilin kaj vi scios, kiel kaj kion vi devas fari por helpi al ni plenumi la honoran sed malfacilan taskon.

Via helpo estas necesa, bezona, urĝa...

Ni atendas. Antaŭan dankon.

La Organiza Komitato: Prezidanto: J. Ŝapiro.

Ĝenerala Sekretario: F. Kurjanski. — Bialystok, en Junio 1931.

## Informoj pri la Monkolekto

La Organiza Komitato eldonis Brik-kartojn, riceveblajn de ni senpere, ĉe niaj reprezentantoj (Por Belgujo: S-ro F. Schoofs, Antverpeno), kaj fine en ĉiuj esperantaj grupoj de la tuta mondo. La prezo de ĉiu Brik-karto estas zl. p. 0.50, egalaj al Sv. Fr. 0.30, *Belg. Fr. 2.—*.

Pli altaj monoferoj, laŭ specialaj deklaroj (pago unufoja aŭ poparta) estas kvitancataj per apartaj dankleteroj de la Komitato. Tiujn deklarojn petu de ni aŭ de niaj reprezentantaj. La nomoj de ĉiuj monoferintoj aperos en la MONUMENTA ORA LIBRO.

En proksima tempo ni malfermos monkolektan ĉenon en la esperanta gazetaro kaj aperigos bildkarton de la Monumento-Projekto. Ankaŭ tiuj kartoj servos por kolekto de monoferoj.

La Solena Inaŭguro de la Monumento-Ŝtono okazos dum la nunjara Postkongreso. La malkovro de la Monumento, plej verŝajne en Pentekosto 1932 dum Pollanda Esp. Kongreso. Cetere la lasta dependas de la progreso kaj intensiveco de la okazigata monkolekto, sekve: de la esperantistaro mem.

Pri ĉio rilatanta al la Monumento kaj la monkolekto sin turnu al ni aŭ al niaj rajtigitaj reprezentantoj.

Korespondaĵojn kaj pagojn, sendatajn senpere al ni bonvolu adresi : Organiza Komitato de Zamenhof-Monumento en Bialystok-Polujo-Poŝtkesto 120.

Provizora poŝtĉekkonto N-ro 64.621. Zamenhofa Esperanta Societo.

En Belgujo oni sendu la donacojn al poŝtĉekkonto N-ro 284.20 de Fr. Schoofs, Antverpeno, kiu, post ricevo kvitancos per briko-kartoj por la koncerna sumo aŭ per speciala dankletero se la donaco estas almenaŭ Fr. 20.—. Sur la poŝtĉekkupono metu klare vian nomon adreson kaj la mencion « Por Zamenhof-Monumento Bialystok ».

## SINJORO WALTER SCOTT EN LA LERNEJO.

Ŝajnas, ke, kiam tiu fama verkisto, estis en la lernejo, kvankam tre laborema, lia intelekto ne estis brila, kaj lia granda sukceso en la posta vivo, okazis pro lia ne lacigebla persistado. La sekvanta anekdoto estis trovita en lia aŭtobiografio.

« Estis » diras W. Scott « knabo en mia klaso, kiu staris ĉiam ĉe la kapo de ĝi, kaj mi ne povis, malgraŭ miaj tutaj fortoj, superi lin. Tago venis post tago, kaj ankoraŭ li konservis sian lokon. Fine mi observis ke, kiam oni faris demandon al li, li ĉiam palpadis per siaj fingroj iun specialan butonon, ĉe la malalta parto de sia vesto, dum li serĉis respondon. Mi pensis, ke se mi povus forpreni ruze la butonon, la surprizo ne trovi ĝin, povus malordigi liajn ideojn, je la sekvonta demandado en la klaso, kaj doni al mi la okazon superi lin. La butono estis tial forprenita nerimarkite de li. Granda estis mia maltrankvilo por scii la sukceson de mia ago ; kaj ĝi sukcesis tre bone.

« La horo de l' demandado alvenis, kaj la knabo estis demandita : li kiel kutime serĉis la amikan butonon per siaj fingroj, sed li ne povis trovi ĝin. Surprizite li rigardis malsupren : la talismano estis for ; liaj ideoj fariĝis malklaraj, li ne povis respondi. Mi ekkaptis la okazon, respondis al la demando, prenis lian lokon kiun li neniam reakiris, kaj li neniam, mi pensas, suspektis la aŭtoron de la ruzo.

« Mi ofte renkontis lin, post lia eniro en la mondon, kaj neniam sen sento de konsciencriproĉo. Ofte mi decidis fari al li kompense servon ; sed okazo ne venis kaj mi timas, ke mi ne serĉis ĝin tiel fervore, kiel mi serĉis por superi lin en la lernejo ».

El angla lingvo tradukis : P. ROGIERS.

## LI HELPAS!

Estro de ŝipo kriis : « Kiu estas malsupre? »
Knabo respondis : « Willy, Sinjoro. »
— « Kion vi faras? » — « Nenion, Sinjoro ».
— « Ĉu Tom estas tie? » — Jes, diris TOM.
— « Kion vi faras? » — « Mi helpas Willy, Sinjoro! »

# NIA PROGRESADO

NOVAJOJ EL LA TUTA MONDO.

STOCKHOLM. — La Sveda Unio por Paco decidis, laŭ propono de urbestro kaj deputito, S-ro Lindhagen enmeti en sian programon la propagandon por la lingvo internacia Esperanto. Kurso komencis je aŭtuno en la pacifista gazeto « Freden ».

RADIO-ESPERANTO. — En 1929 okazis 1750 dissendoj en Esperanto, en 88 stacioj de 18 div. landoj.

STOCKHOLM. — 200 oficistoj de la Kompanio de Tramvojoj parolas Esperanton kaj portas sur uniformo la verdan stelon, kiu distingas ilin kiel parolantojn de la internacia lingvo.

CHARBINO. — La Kompanio de fervojo de Orienta Ĥinujo ĵus publikigis meteorologiajn observojn faritajn ĉe siaj stacioj de 1922 ĝis 1929. Ili konsistas el du volumoj de cento da paĝoj, redaktitaj en rusa lingvo kaj en Esperanto.

STOCKHOLM. — Hinda esperantisto, S-ro Lakshmiswar Sinha, trairas Svedujon, farante paroladojn por konigi sian landon kaj ĝian historion; ĉiu parolado estas akompanita de interesaj projekcioj kaj tradukita en svedan lingvon por la aŭdantoj, kiuj ne konas la internacian lingvon.

SOFIA. — Per nova cirkulero publikigita en la oficiala organo, la direkcio de P.T.T. rekomendas al oficistoj la studon de Esperanto. Kurso okazas ĉe la direkcio mem, subvenciita de la aŭtoritato.

BUDAPEST. — La Universala Kongreso de Esperanto, kiu okazis en 1929 en tiu urbo profunde impresis oficialajn rondojn. La registaro donis subvencion de 1800 svisaj frankoj al la Hungarlanda Esperanto-Societo.

STOCKHOLM. — La fama literaturistino Selma Lagerlöf, kiu ricevis, en 1909, la Nobelan premion de literaturo konsentis al la esperantista eldona societo de Stockholm permeson por traduko de siaj verkoj.

U.R.S.S. — En sia lasta verko « Ruslando hieraŭ kaj hodiaŭ », la fama publikigisto kaj raportisto Dillon diras: « Hodiaŭ, Sovetlando povas esti fiera pro siaj 16.000 organizitaj esperantistoj. Oni diras, ke multaj ĥinoj kaj koreanoj legis verkojn de Lenin, Tolstoj kaj Turgenjev, en Esperanto. Tiu lingvo okupas la 4-an vicon en la Sovetlandaj lernejoj, kie oni instruas pri lingvoj aliaj ol la rusa. Multaj provincaj gazetoj publikigas esperantajn leterojn ricevitajn de maristoj kaj laboristoj de diversaj eŭropaj landoj.

Esperanto tiel progresis kiel ilo de interkomunikado, kaj oni devas konsideri ĝin kiel unu el la plej gravaj faktoroj de nia epoko. »

Kiam aliaj landoj sekvos ĉi tiun ekzemplon, ĉar Esperanto estas por la servo de ĉiuj?

TALLINN. — En la urba legejo de Tallinn jam de preskaŭ dek jaroj ekzistas Esperanto-fako kun cento da libroj, kiuj estas troveblaj en speciala fako de katalogo, uzata de multaj legantoj.

STOCKHOLM. — La fama societo Gym por fizika instruado organizas internacian gimnastikan kurson por 1931; en tiu kurso estos uzata nur Esperanto kiel komanda kaj parola lingvo.

PARIS. — La granda firmo Réaumur petis pri organizado de kurso de Esperanto por siaj propraj oficistoj; ĝi komencis kun ĉirkaŭ cent bonvolaj lernantoj.

LIĤTENSTEJNO. — La civila bonvola servo por la inunditaj landoj de Svislando kaj Liĥtenstejno publikigis raporton pri sia laborado en 1927, kiu estas modelo de internacia libro. Ĉiu artikolo en franca, angla, germana, dana kaj ĉeĥa lingvoj estas sekvata de resumo en Esperanto. La tabeloj estas en unu nacia lingvo kun interlinia traduko en Esperanto.

VARSOVIO. — La urbestraro donis al la strato Dzika en kiu longatempe loĝis la aŭtoro de Esperanto, la nomon « Strato Zamenhof ».

ARNHEM. — Kursoj de Esperanto estas farataj en du oficialaj lernejoj je la monato de oktobro.

TOKIO. — La Observatorio de Tateno (Japanujo) ĵus publikigis, kiel dum la antaŭaj jaroj, raporton pri la observoj faritaj dum la jaroj 1925-1927. Tiu ĉi grava verko, kiu konsistas el volumo de 300 paĝoj kun multaj tabeloj estas tute kaj ekskluzive redaktita en Esperanto.

OSLO. — Membro de la ekspedicio de l' Generalo Nobile, Sinjoro Old Arnessen publikigis libron pri la vojaĝo al la norda poluso per la direktebla aerŝipo « Italia ». Tiu ĉi libro estas unue tradukita de l' norvega libro en Esperanto kaj la traduko estis uzita por la tradukoj en japanan kaj ĉeĥan lingvojn, faritaj de ĉeĥo kaj resp. japano. Neniu alia metodo povus doni tian garantion pri ekzakteco pro la nekompareblaj kvalitoj de Esperanto kiel instrumento de traduko.

HAGO. — Meze de septembro okazis en La Hago regiona konferenco de la Rotaria Internacio. La prezidanto de la distrikto, Sir Chas. Mander ĉeestis post la Universala Kongreso de Esperanto en Oksfordo. Konvinkita per sperto li decidis lerni Esperanton kaj subteni ĝian enkondukon en tiun ĉi gravan asocion, kiu kalkulas 160.000 membrojn en la tuta mondo.

BUDAPEST. — La lingvo internacia Esperanto disvastiĝas en skoltaj rondoj. Esperantista grupo ĵus fondiĝis en la Hungara Skolta Ligo, kiu invitas la skoltojn esperantistajn partopreni en internacia kampo, kiu okazos en monato julio 1931 en la ĉirkaŭo de Budapest.

STOCKHOLM. — Laŭ kontrakto farita inter la Sveda eldona Societo kaj la Eldona Societo Esperanto la libro pri la tragedia vojaĝo de Andrée al la Nord-poluso, kiu aperis en 14 lingvoj ankaŭ estas eldonita en Esperanto.

KIRUNA. — En tiu ĉefurbo de Laplando (300 kilometrojn de la polusa regiono) kurso de la internacia lingvo Esperanto komenciĝis sub la aŭspicioj de la loka Societo por la klerigo de lernejanoj de elementa instruado; indas rimarkigi, ke multenombraj instruistoj kaj instruistinoj regule ĝin ĉeestas.

MADRID. — La Hispana Ministro de l'Publika Instruado donis subvencion de 1000 pesetoj al la Hispana Esperanto-Asocio por la propagando de Esperanto.

BOULOGNE-SUR-MER. — Esperanto ricevas pli kaj pli la subtenon de gravaj praktikistoj. Tiel la direktoro de la granda fervoja Kompanio de Nord-francujo respondis al la propono doni la nomon Zamenhof-placo al la placo antaŭ la stacio « Tintelleries » ne nur aprobe, sed ankaŭ aldonis, ke li estas konvinkita pri la granda intereso, kiun reprezentigas la ĝenerala enkonduko de Esperanto.

# BELGA ESPERANTO-INSTITUTO

## KOOPERA SOCIETO

La 10an de Majo okazis la Ordinara Ĝenerala Kunveno de tiu societo dum kiu la Administrantaro prezentis sian raporton pri la 5a societa jaro finiĝinta la 31an de Marto 1931. El tiu raporto ni prenas la sekvantajn detalojn.

La KAPITALO kreskis de Fr. 125.400 ĝis Fr. 145.000. La pagita kapitalo atingas la sumon de Fr. 104.026,13.

AKCIULOJ. — Je la 31a de Marto 1931 la nombro de la akciuloj estas: 95.

PROPRAJ ELDONOJ:

1) propagandaj leterpapero, kovertoj kaj poŝtkartoj,

2) tri diversaj modelojn de propagandaj krajonoj,

3) Kompleta Esperanta Rimvortaro, de M. Jaumotte.

Inter la projektoj estas:

1) la Flandra Ŝlosilo, kiu estas prespreta,

2) Koresponda kurso en Flandra kaj en Franca lingvoj,

3) Speciala eldono por Belgujo de la Fundamento (Franca eldono),

4) Flandra eldono de « L'Initiation à l'Esperanto »,

5) Flandra eldono de « Escenco kaj Estonteco de la Ideo de Lingvo Internacia »,

6) Esperanta traduko de « La Amkanto de Ŝubert », komedio de E. W. Schmidt.

VENDADO. — La bilanca cifero de la vendoj kaj de aliaj laboroj estas Fr. 67.213,35.

INVENTARO. — Je la 31a de Marto 1931 la inventaro atingas Fr. 58.453,10.

| REZERVOJ | Por amortizo de Inventaro | Laŭleĝa | Eksterordinara | SUMOJ |
|---|---|---|---|---|
| Laŭ pasintjara bilanco | 12.573,87 | 878,46 | 1.709,21 | 15.161,54 |
| Aldonitaj laŭ decido de ĝenerala kunveno 1930 | | 444,00 | 795,90 | 1.239,90 |
| | 12.573,87 | 1.322,46 | 2.505,11 | 16.401,44 |
| Post aprobo de la bilanco 1930/31 estos aldonataj | 5.826,13 | 377,54 | 494,89 | 6.698,56 |
| Sumoj: | 18.400,— | 1.700,— | 3.000,— | 23,100,— |

La ĝenerala kunveno aprobis la jenan Bilancon je la 31a de Marto 1931.

AKTIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Akciuloj: pagota kapitalo | Fr. | 40.973,87 |
| Banko: Ĉekkonto | | 13.441,85 |
| » 15-taga konto | | 37.000,— |
| Poŝtĉekkonto | | 4.260,89 |
| Inventaro | | 58.453,10 |
| Ŝuldantoj | | 32.207,40 |
| Laŭstatutaj deponoj de Administrantoj kaj Komisaroj | | 4.000,— |
| | Fr. | 190.337,11 |

PASIVO:

| | | |
|---|---|---|
| Subskribita Kapitalo | Fr. | 145.000,— |
| Kreditoroj | | 8.812,42 |
| *Rezervoj:* | | |
| Amortizo de Inventaro: 12.573,87+5.826,13 | | 18.400,— |
| Rezervo por necertaj ŝuldantoj | | 215,60 |
| Impostoj 1930/31 | | 2.000,— |
| Laŭleĝa 5 %: 878,46+444,— | | 1.322,46 |
| Eksterordinara: 1.709,21+795,90 | | 2.505,11 |
| Laŭstatutaj Deponintoj | | 4.000,— |
| Neta Profito | | 8.081,52 |
| | Fr. | 190.337,11 |

La kalkulo de perdoj kaj profitoj estis poste prezentita kaj la komisaroj raportis pri sia agado dum la pasinta societa jaro. La kunveno aprobis la dividon de la neta profito de Fr. 8.081,52, laŭ jena maniero:

| | | |
|---|---|---|
| Laŭleĝa rezervo 5 % | Fr. | 377,54 |
| Unua dividendo: 5 % jare al pagita kapitalo | | 4.763,12 |
| Al Administrantoj kaj komisaroj | | 510,— |
| Al Fondint-akcioj, po Fr. 1,50 | | 450,— |
| Dua dividendo: 1/2 % jare al pagita kapitalo | | 476,44 |
| Al Eksterordinara rezervo | | 494,89 |
| Al Belga Ligo Esperantista | | 500,— |
| Saldo transportota al sekvanta societa jaro | | 509,53 |

ADMINISTRADO. — Konforme al paragrafo 10 de la Statutoj, S-ro Maurice Jaumotte, Administranto, kaj S-ro Charles Van der Veken, Komisaro estas reelektitaj por la periodo de 6 jaroj: 1931-1937.

La Administrantoj estas nun: Fr. Schoofs, M. Jaumotte, E. De Coster, G. Vermandere, M. De Ketelaere, Oscar Van Schoor, kaj la Komisaroj: Ch. Van der Veken, H. Vermuyten, J. Morrens, L. De Hondt, R. Geerinck.

Per du specialaj voĉdonoj, la kunveno kvitigis la administrantojn kaj la komisarojn de ilia direktado dum la 5a jaro 1930-31.

## INSISTA PETO.

**La grupoj** estas insiste petataj sendi senprokraste al nia kasisto: S-ro M. Jaumotte, Lage Weg, 384, Chemin Bas, Antverpeno-Hoboken, la sliparon de siaj membroj kaj la sumon de la kotizoj 1931 : po Fr. 12,50 (familiaj membroj : Fr. 2,50) al la poŝtĉekkonto N-ro **1337.67** de Belga Ligo Esperantista.

**La izolaj membroj** ankaŭ pagu tiamaniere sian kotizon por 1931 : Fr. 30,—.

---

La Estraroj de la grupoj ankaŭ nepre sendu tuj raporton pri sia vivo kaj sian programon por la monatoj Aŭgusto kaj Septembro, por ke tiu materialo estu presota en nia proksima kajero, kiu aperos en la unuaj tagoj de Aŭgusto.

# DIVERSAJ INFORMOJ

**Centra Religia Civila Komitato por Centjarfestoj honore de Sankta Antonio,** kiuj okazos en Padovo (Italujo) 1931-1932, eldonis bele ilustritan 32-paĝan « Gvidlibreton por Pilgrimantoj » en Esperanto, kiun oni povas senpage ricevi kontraŭ mendo per ilustrita poŝtkarto al Esperanto-Fako de la suprecitita Komitato. Je la okazo de tiuj festoj estas eldonita serio de 7 poŝtmarkoj, kiuj estas haveblaj afrankite kontraŭ sendo de Fr. 25,—.

**" Zamenhof-Instituto "** fondiĝis antaŭ kelkaj semajnoj en Barcelono. Ĝi celas efikan disvastigon de Esperanto kaj ĝia interna ideo, kaj ankaŭ la disvolvon de U. E. A. Adreso: Sitges 8. Sekretario J. Anglada.

**XIVa Internacia Kongreso de Stenografio. — Internacia Konkurso de Esperanta Stenografio.** — Tiu kongreso okazos en Parizo de 3 ĝis 7 Aŭg. proksima. Ni atentigas pri ĝi la samideanojn-stenografistojn, ĉar tiu kongreso per art. 12 de sia regularo akceptas Esperanton kiel kongreson lingvon. Plie estos organizata je tiu okazo Internacia Konkurso de Esperanta Stenografio. Ĝi okazos en « Hôtel des Sociétés Savantes », 28 rue Serpente, la 6an de Aŭg. 1931, je la 10a h. Diversaj valoraj premioj estos aljuĝataj. Ni instigas la interesatojn peti regularon en Esperanto kaj aliajn informojn al S-ro M. Griffon, 52, rue de Chabrol, Parizo (10).

**La Eldona Societo Esperanto,** Stockholm, jarkunvenis la 25an de Majo. La neta gajno dum la jaro estis Kr. 1.208. Estis decidite doni dividendon de 6 %. Estis reelektitaj la estraranoj S-roj H. Halldor kaj A. Larson.

**La Centra Esperanto-Librejo, Akcia Soc. Hago,** havis sian jarkunvenon la 28an de Febr., kiu aprobis la financajn raportojn kaj fiksis la dividendon pri 1930 je 7 %. S-ro J. Ravestein Jr. estis reelektita kiel komisaro.

**Kristana Esperantista Ligo Internacia.** — Ĉiuj Esperantistaj protestantoj estas petataj sendi sian adreson al S-ro Kerremans, 75 Vier Windenstraat, Molenbeek (Bruselo) por fondi belgan sekcion de K.E.L.I. kaj propagandi Esperanton inter la protestanta junularo kaj eklezio.

**Por verkado de libro pri superstiĉoj kaj proverbojdiversnaciaj** petas alsendon de ĉiuspeca materialo: S-ro Géza Berki, direktoro ĉe Landjuĝistaro, Del. de U.E.A., Debrecen. Kir. Tabla (Hungarujo).

**Komercista Esperanto-Asocio,** estas fondita en Berlino. Ĝi intencas eldoni tutmondan adresaron de firmoj, kiuj uzas Esperanton. Sendu nomon, adreson kaj fakon aŭ specialaĵon al la prez. de K.E.A.: Paul Conrad, Del. de U.E.A., Berlin SO 36, Kottbusser Ufer 58, Germanujo.

**Interŝtata kaj internacia Lerneja Interŝanĝado** estas kreita de la Departemento pri Publika Instruado en Brazilio. Post klopodoj de Brazila Esperantista Ligo, nia lingvo estas ankaŭ akceptita por helpi al atingo de la celo de la iniciatintoj. Ni vokas specialan atenton de niaj samideanoj-instruistoj pri tiu afero kaj instigas ilin peti plenajn informojn de: Secretaria Geral de Correio Escolar, Prefeitura, Praça da Republica, Rio de Janeiro, Brazilio.

# BIBLIOGRAFIO.

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko. De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*BENGALAJ FABELOJ de Lakshmiswar Sinha, Eldonis Eldona Societo Esperanto, Stockholm. 20×14; Paĝ. 39; Prezo Sv. Kr. 1.—.*

Jen la dua originala verko de nia hinda samideano L. S. La unua estis drameto el hinda historio: Sivaĝi.

La tri Bengalaj fabeloj estas dediĉitaj « al mia avino, kiu rakontis al mi tiom da fabeloj dum mia infanaĝo ». La unua fabelo temas pri la Dio, la Malriĉulo kaj la mirindaj potoj; la dua pri Fakiro kaj Princo, kaj la tria faras la demandon: Kio estas saĝo? kiun ĝi klopodas solvi. Agrablaj rakontetoj en puraj lingvo kaj stilo, kiuj montras al ni kelkajn flankojn de la hinda vivkoncepto, entute tre rekomendinda legaĵo.

De tiu ĉi libro aperas samtempe du eldonoj: unu nur esperanta, kaj unu kun paralelaj tekstoj en sveda kaj esperanta lingvoj, je sama prezo. Mi ne aŭdis jam elparoli la nomon de l' aŭtoro. Se iu petis al mi ĝin diri, mi prononcus Lakŝmisŭar Sinha. Tiu elparolo estas la angla, sed se ĝi estas la ĝusta, estus preferinde, ke la hinda nomo ankaŭ estu skribata laŭ Esperanta ortografio prefere ol laŭ angla, se ne ekzistas nacia hinda skribmaniero per latinaj literoj. Tiu rimarko estas ĝenerala por ortografiado de ĉiuj nomoj de gentanoj kiuj ne uzas latinan alfabeton, kiel ekz. Rusoj, Japanoj, Ĥinoj k. c. Transigante siajn nomojn en latinan skribon ili uzu nepre la Esperantan ortografion, ankaŭ ekster la Esperanta sfero.

*KURSA LERNOLIBRO, laŭ praktika parola metodo de D-ro Edmond Privat, komisiita profesoro pri historio kaj instrumetodoj de Esperanto ĉe la Universitato de Genève. 7a Eldono, 31a-40a miloj. Eldonis Esperanto-Verlag, Friedrich Ellersiek, Berlin. 17×11. Paĝ. 78. Prezo Rmk. 0.80.*

La bonega Esperantlingva gramatiko de Esperanto bonfarte vivis sian 7an reeldonon, kaj tio estas certe pruvo pri ĝia ĉiulanda sukceso.

Se ni ĝin detale pritraktas estas kun la deziro ke tiu valorega lernolibro estu ankoraŭ pli diskonigata kaj ĉie uzata. Kune kun la studado de la Fundamento, la uzado de la Kursa Lernolibro multe helpus, ĉu por konservi, ĉu por krei komunan internacian esprimmanieron.

La metodo estas la laŭ lingvo-instrua vidpunkto kiel plej bone pruvita « rekta metodo », t.e.: instruo de Esp. en Esperanto.

Post tiu laŭda kanto, ni submetos al la aŭtoro kelkajn rimarkojn, kies oportuneco povus esti pristudata por nova eldono kiun ni deziras plej proksima.

P. 7. « ĉi » estas uzata *post* tio, tiu, k c. Aldoninde: « ĉi estas uzata *antaŭ* kaj post tio, tiu... » P. 12. « litero h estas elparolata kiel h en franca lingvo ». Ŝajnas al ni ke en la franca lingvo ne ekzistas egalsonanta litero kiel nia esperanta h, eĉ ne la « h aspirée ».

Sur p. 46-48-53-54-57-59 ni trovas esprimojn uzantajn ankoraŭ la participojn kie la moderna Esperanto tamen preferas la infinitivon. Ekz. « Ĉu via verko estis bone deklamata? Ne, sinjoro, kaj mi suferis aŭdante ĝin *deklami* de tiu ĉi lernanto. — Ĉar mi lin jam vidis *porti* panon je tiu horo. Mi antaŭ tre longe aŭdis vin *paroli* pri tio. » En tiuj ĉi frazoj kaj aliaj, la aŭtoro uzas: aŭdante ĝin *deklamata,* lin vidis *portanta panon,* aŭdis vin *parolanta* pri tio. Tiuj esprimoj estas certe malpli facilaj kaj eĉ malpli elegantaj ol la flua kaj mallonga infinitivo. P. 20 kaj 59. Knabo falis de la fenestro, birdo falis de sia kaĝo. » La lingva sento tie ĉi certe preferas: falis el la fenestro, el sia kaĝo.

*ESPERANTISTENLIEFDE. — Blijspel in één bedrijf de D-ro W. Van der Biest. Flandra traduko de Ch. Poupeye. 24 paĝoj 10,5×19,5 cm. Eldonis A. J. Witteryck, Steenbrugge. Prezo: Fr. 5,—.*

La originalo de tiu agrabla komedieto estas france verkita kaj estis jam ofte ludita ĉe grupaj festoj. La traduko en flandra lingvo estas bonege farita

de nia samideano Poupeye. Ni rekomendas tiun teatraĵeton al la Esperanto-societoj en la flandra parto de nia lando kaj en Nederlando. La ludado estas permesata senpage, post aĉeto de minimume ses ekzempleroj de la libreto.

*DUDEKDUA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO (OXFORD 2-9 Aŭgusto. — OFICIALA DOKUMENTARO ESPERANTISTA. — Broŝuro 140 paĝa.*

*Enhavas protokolon kaj financan raporton pri la 22a Universala Kongreso de Esperanto, kaj la raportaron de la oficialaj institucioj al tiu kongreso. — Eldonis 1930: Internacia Centra Komitato de la Esperanto Movado, 1, Tour de l'Ile, Ĝenevo, Svislando.*

*SERIO DE SES OFICIALAJ ILUSTRITAJ POŜTKARTOJ DE LIECHTENSTEIN KUN ESPERANTA TEKSTO. — Havebla per rekomendita poŝto (stampite aŭ nestampite) kontraŭ antaŭpago de 2 sv. frk. per poŝtmandato de Sammlerpostamt TRIESENBERG* (Liĥtenst.) Esperanto korespondata.

*COURS PRATIQUE DE STENOGRAPHIE DUPLOYE, Deuxième édition, de A. J. De Baerdemacker, prezidanto-fondinto de l' « Institut Royal sténographique de Belgique », Direktoro-fondinto de la « Revue sténographique belge ». — France verkita lernolibro de stenografio Duployé. 90 paĝoj 15×21 cm. Eldonis 1930: Imprimerie A. Somers, Bruselo. Kartonita. Prezo: necitita.*

*JARLIBRO DE LA LINGVA KOMITATO KAJ DE ĜIA AKADEMIO: Jaroj 1930 kaj 1931. 2 broŝuroj 32 paĝoj, 11,5×15,5 cm. Eldonis: Esperantista Centra Librejo, 51, rue de Clichy, Paris (9e). Prezo: Fr. 2,— por ĉiu broŝuro.*

*INTERNACIAJ KONVENCIOJ PRI FERVOJAJ PERSON —, PAKAJ — KAJ FRETAJ — TRAFIKO. Tradukis J. Rebiĉek. — 251 paĝoj. 20,5×16 cm. Eldonis 1930: Moraviaj Esperanto Pioniroj. Olomouc. Prezo: Kĉ. 27,50 plus sendkostoj. Mendu ĉe: Moraviaj Esperanto Pioniroj, adreso: A. Kudela, 11, Horni Novosadska 58, Olomouc.*

Tiu libro estas plej interesa provo de uzo de nia lingvo por praktike teknikaj aferoj. Ni gratulas la kuraĝajn tradukintojn kaj eldonintojn.

*MALRIĈA KNABO, KIU GLORIĜIS verkita de D-ro. Jan Herben. Tradukis el ĉeĥa lingvo T. Mrazkova kaj B. Pittner. — 136 paĝoj 14,5×19,5. Eldonis 1930: Moraviaj Esperanto Pioniroj. Prezo: Kĉ. 16,— aŭ Frs. 2,50.*

Tiu libro estas eldonita je la okazo de la 80a datreveno de la naskiĝo de Masaryk. Ĝi enhavas biografian skizon de la prezidanto de Ĉeĥoslovakujo. Bela dokumento.

*AMATORA ILUZIISTO. — Facilaj iluzioj fareblaj sen speciala aparato, priskribitaj en Esperanto-stenografio Duployé-Flageul de Magi Emulo. Edonis 1930: Eldonejo de esperanta-stenografio, 9 Bd. Voltaire, Issy-les-Moulineaux, Seine, Francujo. Prezo: Fr. 1,50 (1 respondkupono).*

## DIVERSAJ PROSPEKTOJ.

*FOIRO DE PARIS. — 9 ĝis 25 de Majo 1931. 22×25. Paĝoj 8. Senpage ricevable de Foiro de Paris, 23 rue N. D. des Victoires, Paris 2e.*

*LYON'A INTERNACIA FOIRO. — 2-15 de Marto 1931. 19×14. Paĝoj 16.*

*BUDAPEST. INTERNACIA FOIRO. — 9-18 de Majo 1931. Faldfolio. 33×19.*

*LEIPZIG'A FOIRO. — 16×12. 8 paĝoj.*

*BUDAPEST. — Gvidfolio eldonita de Ĉefurba Fremdul-oficejo. 41×21.*

*CANNES. — Gvidfolio eldonita de Syndicat d'Initiative, Cannes Francujo. 52×21.*

*LA BELA SILEZIO. — Gvidfolio eldonita de Schlesischer Verkehrsverband sub aŭspicioj de Turisma servo de U.E.A. 22×15. 4 paĝa. Trafika Oficejo 1 Am Hauptbahnhof, Breslaŭ 2.*

*NORDERNEY (Germanujo). — Gvidfolio 30×11. Sen alia adreso ol tiu de la Delegito de U.E.A. S-ro Herbert Grosch, 8 Halemstr. Norderney.*

*VARNA. — LA REĜINO DE LA NIGRA MARO. — Ilustrita gvidlibro de Varna, kun plano de la urbo. 36 paĝoj. 12×17 cm. Havebla ĉe Oficejo por somerrestado en Varna.*

*SANKT GALLEN. — Orienta Svislando. — Arte Ilustrita faldfolio. 12 paĝoj 10×20 cm. — Eldonis: Porfremdula Oficejo de la urbo St. Gallen.*

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.